


# INTERNACIA FERVOJISTO

*"La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn"*

**2003. 5.**



*Sopron (Hungario)*
*Urbo de nia venonta IFEF-kongreso*

## Reago pri nia fervojista devizo

***"La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn".***

Tio estas taŭga devizo por la fervojistoj, kaj mi ĝojas, ke ĝi estas enmetita en la frontpaĝon de I.F.




Bedaŭrinde nia lando ne povas akordiĝi kun tiu devizo pro la fakto, ke la ŝpuro de la hispanaj fervojlinioj ne estas la sama ol tiu de Eŭropo.

Anstataŭ komenci la instaladon de eŭropa ŝpuro ekde la franca landlimo, oni komencis ĝin ekde Madrido ĝis la sudo. Ankaŭ novaj projektoj de instalaĵoj devas komenciĝi ekde Madrido. Ni ne scias, kiam la eŭropaj ŝpuroj atingos la francan limon.

La hispanaj regantoj neniam favoris al Eŭropo. Kiam en la jaro 1843 la kataluno Miquel Biada petis permeson por instali la unuan linion en Hispanio de Barcelono al Mataró, la registraro malpermesis instali eŭropan ŝpuron kaj devigis akcepti ŝpuron de ses kastiliaj piedoj.

*Marti Guerrero (Hispanio)*

*Sopron estas malgranda urbo situanta apud la aŭstra landlimo mezvoje inter Vieno kaj Budapeŝto. Simbola kaj heroa urbo por la Hungaroj, ĉar ĝi rezistis samtempe al la Mongoloj kaj al la Turkoj.*

**Enhavo**




## *56-a IFEF-Kongreso en Sopron inter la 8-a kaj la 15-a de majo 2004.*

**Poŝta adreso de LKK:56-a kongreso de IFEF**
**Alfonz MORÓ**
**Olga u. 3. HU-7632 PÉCS**
Retadreso: ifk56@freemail.hu

Bank-kontoj de LKK:
- hungara: **Budapest-OTP-11707024-20103899-56-a IFEF-KONGRESO**
- aŭstra: **BIC: BAWAATWW, IBAN: AT 711490022010360416 56-a IFEF-KONGRESO**

La Hungara Fervojista Esperanto-Asocio (HFEA) kaj la Aŭstria Fervojista Esperanto-Federacio (AFEF), sekcioj de la Internacia Fervojista Esperanto Federacio komune aranĝos la 56-an Internacian Fervojistan Kongreson en urbo Sopron de la 8-a ĝis la 15-a de majo 2004.

LKK zorgis pri du bank-kontoj, nome unu en Hungario kaj unu en Aŭstrio por multe ŝpari el la ĝirkosto. La kongresa urbo Sopron situas apud la hungara-aŭstra landlimo ĉe la "piedoj" de Alpoj, do la klimato de la urbo estas de karaktero subalpa, senekstrema.

La karakterize huffero-forma interna urbo - ĉirkaŭita per postrestaĵoj de antikvaj urbomuroj - fidele konservas la plej riĉajn mezepokajn, respektive barok-stilajn vidindaĵojn. Tion ankaŭ prezentas la pli eksteraj urbopartoj, nome la norde situanta t.n. Viena suburbo ĉe Viena-monteto kaj Kronada-monteto; oriente la Balf-a suburbo laŭ la rivereto Ikva kaj ŝoseo al loko Balf. Sud-oriente oni konstruis modernan loĝkvartalon ĉe la t.n. Ventmuelejo-monteto. De la interna urbo al sudokcidenta direkto sur la deklivo de monto Lövérek troveblas refreŝiga, ripoza vilao-kvartalo kun ĝardenoj, boskoj, rezino-odoraj pinarbaroj.

Sopron havas tre viglan kulturan vivon. Elstaraj kaj famaj eventoj estas la t.n. "Printempaj Tagoj" kaj ĉiu-somere aranĝataj serioj de "Festaj Semajnoj de Sopron". La urbo fidele konservas la memoron pri la mondfama komponisto Ferenc Liszt, kiu en sia 9-a jaraĝo prezentis la unuan koncerton.

La kongreso rezidos en la tri-stela Hotelo Szieszta, kiu situas sur la deklivo de Monto Lövérek. Ĉiu ĉambro de la hotelo estas plenkomforta. En la hotel-komplekso funkcias refreŝiga centro kun banejo, saŭno, vaporbanejo, sunbanejo, ŝaumbanejo, masaĝejo, hardejo, biliard-ebleco, tenisejo; oni povas pruntepreni biciklon por ekskursi al la regiono. La hotelo povas disponigi larĝan skalon de specialaj liveradoj, ekz. aŭtoparkejo, fakso, ŝtalŝranko, frizejo, subĉiela naĝejo, rajdejo ktp. LKK disponigos al la kongresanoj lu-bileton por la tutsemajna manĝado (tag- kaj vespermanĝoj, - krom tagmanĝo dum la tuttaga ekskurso kaj vespermanĝo dum bankedo).

Krom tiu hotelo LKK povas rezervi turisma-kategorian hotelon kontraŭ pli modesta prezo. La Turisma Hotelo havas 4-litajn ĉambrojn kun duŝejo kaj 6-litajn ĉambrojn kun duŝejo en la koridoro. La hotelprezo de ambaŭ kategorioj inkluzivas matenmanĝon. La Turisma Hotelo situas je ĉ. 6 km-j de la kongresejo; ĝi atingeblas per laŭhorara urba aŭtobuso. LKK klopodas ebligi specialan dumkongresan lu-bileton por la urba trafiko.

La kongresejo funkcios en la hotelo, la ĝeneralaj kongresaj programoj (solenaĵoj, kunsidoj, prelegoj, kulturaj programoj) okazos en la hotelo.

| Kongreskotizoj (Eŭro) | ĝis 31.01.2004. | ekde 01.02.2004 |
|---|---|---|
| Kongresano (IFEF-membro): | 50 | 60 |
| Familiano kaj junulo/ino ĝis 30 jaroj | 25 | 30 |
| Kongresano (ne IFEF-membro): | 60 | 70 |
| Simpatianto kaj partoprenanto el "eks-socialismaj landoj": | 25 | 30 |

| Servoj (Eŭro) | |
|---|---|
| Ĉambro-perado: | 2 |
| Urbovizitado: | 5 |
| Tuttaga ekskurso (kun tagmanĝo): | 38 |
| Duontaga ekskurso: | 16 |
| Bankedo antaŭ la balo: | 20 |
| Semajna manĝado-bileto | 90 |

La prezoj estas por unu nokto por unu persono kun matenmanĝo en Eŭroj:

| | unu-lita | du-lita | kvar-lita | ses-lita |
|---|---|---|---|---|
| Hotelo Szieszta "A" | 42 | 30 | | |
| Hotelo Szieszta ",B" | 34 | 24 | | |
| Turisma Hotelo | | | 14 | 11 |

Loka Kongresa Komitato kontinue informos Vin pri la kongreso en la sekvontaj numeroj.

Ne preteriru la eblecon pasigi la kongresan semajnon en la "juvelo" de Hungario. Je la nomo de la hungaraj kaj aŭstraj fervojistaj esperantistoj kore invitas Vin la "du-nacia" Loka Kongresa Komitato (kaj ses aŭstraj, ses hungaraj kunlaborantoj):

| István GULYÁS | Walter HUBER | Alfonz MORÓ | Mária BALOGH |
|---|---|---|---|
| prezidanto | vicprezidanto | sekretario | kasistino |

D-ro József HALÁSZ
Fakaj aferoj

# EŬROPO - PREMIITA URBO INVITAS KONGRESI

*Ĉu pro mildatmosferaj montetoj, granda aro da arbaroj kun abundaj sovaĝbestoj, gaje fluetantaj riveretoj? Ĉu pro fortikaĵoj starantaj sur rokopintoj, fortikaĵo-ruinoj, mezepokaj vilaĝaj preĝejoj, baroketosaj urboj?... Malfacile elekti, kaj oni trovas sin antaŭ agrabla dilemo, se oni ekiras vagabondi al la okcidentaj regionoj de Hungario, kiujn la tempestoj de la historio iom pli domaĝis ol ceterajn lando-partojn de Hungario.*

*Por eviti tiun ĉi dilemon, la Hungara Fervojista Esperanto-Asocio (HFEA) kaj la Aŭstria Fervojista Esperanto-Federacio (AFEF) komune proponas al Vi solvon per la partopreno en la 56-a Kongreso de la Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFK) inter la 8-a kaj la 15-a de majo 2004.*

***Prezentas sin la invitanta loko***

La centro de la 56-a IFK estos la urbo Sopron situanta sur la hungara-aŭstra landlimo. La urbo havas ne-ĉiutagan kromnomon: "Civitas fidelissima" - "la plej fidela urbo".

La kongresa urbo situas en la Departemento Győr-Sopron, la plej okcidenta parto de Transdanubio. Ĝi ampleksas kvar kaj kelkajn mil kvadratkilometrojn kaj havas proksimume 430 mil loĝantojn. lu parto de ĝi situas en Kisalföld (Malgranda Ebenaĵo); sude ĝi limas la montetaron Pannonhalma; apartaj regionoj nomiĝas Szigetköz (Interdanuba Insulo), plue Hanság (ĉirkaŭaĵo de lago Fertőtó (Neusiedlersee), kaj etendaĵoj de Alpoj, apartenantaj al la montaro Sopron.

La departemento plejparte estas ebenaĵo kun riveroj Lajta, Rába Rábca kaj Marcal fluantaj en Danubon. La rivero Danubo plurfoje disbranĉiĝas en tiu ĉi regiono. Akvejoj kaj arbaroj karakterizas la pejzaĝon; arbaroj, vilaĝoj, montetoj, kampoj kaj urboj alternas en varia sinsekvo.

Ĉe Sopron la ebenaĵo altiĝas je montoj Alpoj, ĉirkaŭbrakantaj la urbon Sopron kvazaŭ ŝirmanta mano, defendanta ĝin kontraŭ la oftaj kapricoj de la vetero.

Koncerne la historion, la urboj Györ kaj Sopron ravas la okulojn per siaj artaj kontruaj monumentoj. Ĉi tie oni renkontas unuajn spurojn de la homa civilizacio, memorojn el la romia imperio, el popolmigrado.., hungara patrujokupo ĝis nun. Por mencii nur kelkajn ekzemplojn, en Györ estas videblaj miljara katedralo kaj episkopa loĝoturo konstruitaj sur la muroj de la romia urbo, bastionoj; en Sopron gotikaj preĝejoj kaj burĝodomoj; en Fertöd pompa baroka palaco de princoj Eszterházy, kie dum tri jardekoj vivis kaj komponis Joseph Haydn; en Panonhalma miljara benedikta abatejo; multaj barokaj konstruaĵoj kaj preĝejoj en ĉiuj urboj de la departemento.

***La kongresa urbo***

Sopron estas unu el la plej vizitataj urboj de la lando. Krom en Buda, ĉi tie troveblas la plej vasta ensemblo de arkitekturaj monumentoj. En la ĉirkaŭurbaj montoj, la arkeologoj trovis spurojn de la plej antikvaj homaj kulturoj. En la nuna loĝloko, iam vivis la gentoj iliroj, poste keltoj; tamen la urbo estis fondita de romianoj sub la nomo Scarbantia. La urbo estis komerca centro sur la fama Sukcena vojo. La romianoj estigis kolonion sur la tereno de la nuna interna urbo. Iliaj postrestintaj memoraĵoj atestas pri riĉa floriĝanta kulturo.

En tiu ĉi regiono niaj patrujokupaj prauloj ekaperis en la 10/11-aj jarcentoj. Sur la fundamentoj kaj tradicioj de la ĉi-loke trovita urbo renoviĝis la vivo. La okcidentaj kulturoj, la proksimeco de Vieno kunfavoris la estiĝon de metiantaj kaj komercantaj burĝoj. Vigla kaj bunta estis la mezepoka historio de la urbo, kiu vivis sian florepokon dum la 17-a jarcento, kiam la civitanoj vivis en sekuro, bonstato, evoluis la scienco kaj artoj, Sopron iĝis grava loko de la scienco. Studentoj el foraj regionoj vizitadis ĝiajn lernejojn. Sopron ĉiam donis lokon aŭ azilon al reprezentantoj de novaj ideoj. Eble pro tio ĝi povis konservi rememoraĵojn de ĉiuj stiloj inter siaj muroj. Tiel ĝi fariĝis vivanta muzeo, ja oni povas trafi sennombrajn valoraĵojn ekde la romiaj postrestaĵoj tra la mezepokaj kaj barokaj, klasicismaj epokoj, se ni promenas tra la centro de la urbo.

***La urbo prezentas sin***

La koro de la urbo estas la placo Fő tér. Kiel arterioj en korpo, tiel ĉi tie defokusiĝas la mezepokaj stratoj, rememorigantaj la vivon de la historia urbokerno. Ĉi tie

la vizitanto, paŝon post paŝo, trafas belaĵojn, reflektantajn facetojn de la antikvo. Super la centra urbo sentinelas la *Tűztorony* (Fajroturo). Iam la urbogardistoj de tie ĉi okulspuris la incendiojn kaj priatentis la vizitantojn, la gvatistoj signalis la tempopason, ofte per muzikado. La alta svelta turo estis simbolo de la urbo kaj signifis al la alvenintoj, ke paco kaj sekuro regas intermure.



Denombri la monumentojn kaj prezenti, priskribi ĝiajn belaĵojn ne eblas; ja la valoro ne impresas same kiel reĝa konstruaĵo, intima interna korto, turo kun noblaj arkoj, fasado de riĉe ornamita altnobela palaco. Por tio, necesas marŝi tra la urbo, intime konatiĝi kun ĝiaj antikvaj stratoj, placoj, domoj, nur tiam malkaŝiĝas ĉiuj belaĵoj de la urbo. Tamen por la traurba "aventurado" konsilindas atentigi pri kelkaj escepte belaj monumentoj.

En la placo Fö tér aperas antaŭ ni la famaj konstruaĵoj: la domoj Storno, Fabricius, Lackner, la preĝejo Kecsketemplom (Kapropreĝejo), la statuo al Sankta Triunuo kun sia bele tordiĝanta kolono, la sinagogo de la urbointerno, domo Eggenberg, escepte belaj fasadoj de la domvico en la strato Új utca (ekde pli ol kvarcent jaroj nomata Nova strato).

Indas ekrigardi la internajn kortojn: intima atmosfero de arkadoj, belarkaj niĉoj, kortoj ĉirkaŭitaj per toskanaj kolonoj akceptas nin. Dum la promenado aperadas dise partoj de la iama urbomuro, eĉ iu rundovojo.

Sed, ne nur la urbointerno rezervas esceptajn vidindaĵojn. Najbare de la apogarkoj de la strateto Festököz troviĝas la domo Rejpàl, en la fortikaĵa muro; la domo Siess, la Konvento, domo Patikaház (Apoteko-domo), hotelo Fehér Ló (Blanka Ĉevalo), la palaco Széchenyi. Ili ĉiuj revokas diversajn facetojn de la historio. Ili estas vere "parolantaj domoj", ĉar ili rememorigas ne nur urbohistoriajn epizodojn, sed ankaŭ la memoron de la granduloj de la nacia historio.

Valoras ankaŭ viziti la urboparton trans la rivereto Ikva. Tie ravas nin la ogivaj belaĵoj de la preĝejo Szent Mihály (Sankta Miĥaelo). Ĉirkaŭ ĝi viciĝas malnovaj mastrodomoj. Inter ili la plej bela estas la domo nomita Két mór-ház ("Du maŭroj"). La du popolbarokajn fasadojn interligas komuna pordego kun karakterizaj torditaj kolonoj.

Malfacile konstateblas, al kio similas la urbo, plej riĉa je monumentoj de la lando. Sed, ke ĝi konservas ekzemplodone siajn tradiciojn kaj prizorgas siajn monumentojn, tion pruvas ankaŭ la Eŭropo-premio aljuĝita al urbo Sopron. Kiu vidis foje Sopron, tiu neniam forgesos ĝin, revenados de tempo al tempo, kaj la urbo akceptas la revizitantojn kiel fidelajn amikojn. Se foje iu restadas ĉi tie li sentas sin bone inter la muroj, ĉar Sopron donas ne nur vidindaĵojn al siaj gastoj, sed per siaj komfortaj hoteloj, gustotiklaj restoracioj estas samtempe bona restadejo.

Se iu vizitis la urbon, ankaŭ indas spekti la ĉirkaŭaĵon. La montokrono de Alpoj etendiĝanta ĝis tie ĉi, promesas kvieton kaj ripozon.

La proksima kaj fora ĉirkaŭaĵoj de Sopron abundas je vidindaĵoj. Naŭ kilometrojn norde de la urbo situas la vilaĝo Fertőrákos apud la lago Fertő-tó. Ĝia fama groto allogas la vizitantojn. Ĉi tiu iam ekspluatata ŝtonminejo disponigis materialon por la konstruadoj de la regiono; eĉ la ornamoj de kelkaj preĝejoj kaj palacoj de Vieno estis faritaj el tiu ĉi facile modlebla kalkŝtono. Nuntempe, la groto estas tre vizitata, ĉar iam ĉi tie oni elminis la ŝtonon, postlasante grandegajn kolonojn, tiamaniere formante gigantajn internajn ĉambregojn. Ili impresas forte kaj romantike, samtempe taŭgas por teatraj spektakloj. Okaze de la tradicia Festivalo de Sopron, ofte okazas koncertoj ĉi tie. Iam - cedante al la etoso - oni prezentis grekajn dramojn sur la grota scenejo.

Cetere, Fertőrákos prezentas ankaŭ aliajn vidindaĵojn: en la iama episkopa palaco videblas kolekto da lokaj historiaj memoraĵoj. Sur la ĉefplaco situas pilorio, nome punkolono, datiĝanta de la 17-a jarcento.

En alia najbara loko Bánfalva, indas rigardi du belajn monumentojn: la faman surmontan preĝejon kaj la mezepokan kapelon.

Estas konsilinde viziti la muzeon en Brennbergbánya, konatiĝi kun la kelkjarcenta historio kaj objektaj memoraĵoj de la minado.

El Sopron, ekirante al okcidenta direkto, baldaŭ oni atingas la banlokon Balf. Ĉi tiu vilaĝo proponas spektakli siajn monumentojn de la 17 - 18-aj jarcentoj (kapelon de la banejo ornamitan per la murpentraĵo de István Dorfmeister),

romkatolikan preĝejon de la 14-a jarcento; krom la ebloj de resaniĝo kaj ripozo per kuracakvo, jam konita de la romianoj. Nuntempe ĝi estas vizitata ankaŭ de eksterlandaj malsanuloj je reŭmatismo.

Kiajn valoraĵojn kaŝas la ĉirkaŭurbaj vilaĝoj? Sufiĉas viziti la luteranan preĝejon de Nemeskér. Ĝia tuta interno, sed ĉefe la katedro estas escepte valora perfektaĵo de la lignoskulptado de Hungario.

En la okcidenta parto de la departemento, en loko Fertőd, videblas unu el la plej imponaj barokaj kasteloj de Hungario. Miklós Eszterházy la Brila konstruigis ĝin en la mezo de la 17-a jarcento. Multaj famaj arkitektoj, inter ili Menyhért Hefele partoprenis en ĝia projektado kaj realigo. Verkistoj kaj vojaĝantoj de tiu epoko menciis la huf-ferarkan magnatan rezidejon kiel "Hungaria Versajlo". La kastelo enhavas 126 ĉambrojn/salonojn, kaj iam, vastega franc-stila parko apartenis al la kastelo. En ĝi estis amuzpavilonoj, teatro, ĉinstila dancejo, temploj de Diana kaj Venera. Unu el la plej riĉaj magnatoj de Eŭropo, Miklős Eszterházy la Brila ĉi tie okazigis la famajn "amuzaĵojn de Eszterházy", unu el tiuj la renoma verkisto-korpogardisto György Bessenyei eternigis en sia versrakonto. Tiutempe en Fertőd vivis unu el la plej konataj komponistoj de la jarcento, Joseph Haydn, kiel kortega muzikisto de princo Eszterházy. Li loĝis kaj komponis en la "Muzikdomo". - Ĉi tie li, ankaŭ komponis la simfonion en la jaro 1772 sub titolo "Simfonio de adiaŭo". La membroj de la orkestro ĉiam pli plendis, ĉar longe ili ne ricevis permeson ferii. Tiu fakto instigis Haydn komponi tiun ĉi simfonion. Ĉe la lasta parto de la komponaĵo, la instrumentoj unu post la alia eksilentas simbolante la muzikistojn. Princo Eszterházy post la debuto komprenis kaj permesis la ferion al la orkestro. En iu parto de la kastelo funkcias muzeo, kie krom la rokoko-stilaj instalaĵoj videblas muzikhistorie interesaj relikvoj de la Haydn-ekspozicio kaj postlasaĵoj de la eminenta majstro.

La kastelo de Fertőd estas ankaŭ loko de famaj koncertoj. Ĉiusomere la muzika tendaro donas eblojn de plukvalifikiĝo al junaj muzikistoj.

Indas ĉirkaŭrigardi ankaŭ ekster Fertőd. En vilaĝo *Fertőszéplak* vidindas escepte belaj domoj de popola arkitekturo. En ili funkcias vilaĝhistoria muzeo.

En *Fertőboz* kaj ĉirkaŭaĵo oni rimarkas interesajn formelementojn de la popola arkitekturo, kaj indas spekti Gloriette, ĉi tiun belan koptstilan elvidejon, konstruigitan de la familio Széchenyi.

Aŭdante la vilaĝo-nomon Nagycenk, oni ekmemoras la familion Széchenyi. La komunumo ekzistis en la mezepoko, sed la Széchenyi-dinastio ekposedis ĝin nur en la 17-a jarcento. La nunan kastelon konstruigis Ferenc Széchenyi laŭ la planoj de arkitekto József Ringer el Sopron, poste, lia filo István Széchenyi modernigis ĝin, kiam post siaj vojaĝoj en okcidento li akumulis multajn spertojn, por fari loĝejon pli komforta kaj loĝtaŭga.

La fama kastelo signifis ĉiam pli ol nur familian rezidejon. Ĝi estis spirita centro fine de la 18-a jarcento. Ferenc Széchenyi konservis ĉi tie raraĵojn de sia fama biblioteko kaj siajn unike valorajn numizmatikaĵojn. Li donacis ilin al la nacio, kaj per tio li metis fundamenton de la kolektoj de Nacia Muzeo kaj Tutlanda Biblioteko Széchenyi. La pasio de kolektado karakterizis ĉiujn membrojn de la familio. La kastelo Széchenyi en Nagycenk nun estas memormuzeo. Unuavice ĝi revokas la memoron de "la plej granda hungaro": István Széchenyi. Per sia eksponaĵaro, ĝi prezentas la vastan agadon, faritan de István Széchenyi dum sia vivo en la politiko, ekonomia vivo, konstruorganiza laboro. En la zorge restaŭrita kastelo spekteblas ankaŭ la ĉevalejo. El la parko de la kastelo kondukas tilia aleo al la familia sepultejo, la fama maŭzoleo. Vid-al-vide al la kastelo, aliflanke de la vojo al Sopron, muzea fervojo atendas la vizitantojn. Per laŭhoraraj nostalgiaj veturoj oni povas viziti la regionon.



*Eltirita de artikolo verkita de János Patay en Hungara Fervojista Mondo 1/2003,*

# Raporto de la Ĉefkomitatano

Mi kontaktis landajn asociojn (L.A.) de IFEF precipe pere de la sendita Cirkulero de la ĉefkomitatano 1.2002 kaj la kune sendata Demandilo por fari la jar-raporton 2002. Venis jarraportoj el 19 landoj.

En la Cirkulero mi atentigis L. A. kaj, pere de ili, komitatanojn kaj komisiistojn pri la plej gravaj taskoj, alvokis ĝustatempe sendi kongresproponojn, tagordojn de la kunsidoj por la 55-a IFK en Dresdeno, anoncis la ĉijare finiĝantan trijaran elektoperiodon de la ĉefkomitatano kaj de la anstataŭanto kaj petis sendi kandidatproponojn por ambaŭ funkcioj. Krome, mi alvokis L.A. informi la IFEF-redaktoron Jean Ripoche pri siaj ĝeneralaj jarkunvenoj en 2003 cele al anonci tion en IF, alvokis L. A. kaj kontaktulojn en aliaj landoj instigi kaj varbi spertajn personojn por proponi sin fakdelegitoj de UEA pri temoj kunligitaj kun fervojo, cele al informi kaj varbi novajn membrojn al IFEF kaj ties L.A. Pli detala artikolo pri la temo fak-delegitoj aperis en IF 2003.2 sur paĝo 23. Laŭ ricevita informoj, nombro de FD de UEA pri temo fervojo ĉijare kreskos je 5, ĝis fino de 2003 oni celas varbi kvar pliajn.

En kunlaboro kun la kasisto de IFEF, mi strebas kunmeti kaj eldoni ĝisdatigitan adresaron de IFEF kaj ties L.A. laŭ alvenintaj jarraportoj kaj aliaj ricevitaj informoj de la kontaktuloj. Mankas jarraportoj kaj ĉi-temaj informoj el Pollando, Svedio kaj pri kontaktuloj en Estonio kaj Finlando; pliboniĝis kunlaboro kun kontaktuloj en Nederlando kaj Rusio.

Mi partoprenis ambaŭ estrar-kunsidojn kaj kelkajn eksterlandajn esperanto-renkontiĝojn ; ekz. en Aŭstrio, Hungario, en Parko de la Mondo en Pollando, kunorganizis la 44-an IFES en Kunčice pod Ondřejníkem kaj havas skribajn kontaktojn kun izolitaj membroj kaj kontaktuloj en kelkaj landoj, kie IFEF ne havas funkciantan landan asocion. Mi informis kaj strebis disvastigi kaj evoluigi la Federacion.

Ni kore dankas anstataŭantinon Magdaléna Feifičová por ŝia kun-laboro kaj ĉiama preteco helpi solvi la taskojn kunligitajn kun funkcio de la ĉefkomitatano.

*Jindřich Tomíšek Ĉk*

# *En Dresdeno okazis...*

## 1, Du kunsidoj de Faka Komisiono

Jaŭde, dufoje, kunsidis la Faka Komisiono. Okazis elektoj por plua trijara periodo kaj en Dresdeno estis instalita ekspozicio de fervojtemaj gazetoj.

Post bonvenigo kaj enkonduko fare de la FK-gvidanto Jan Niemann okazis elektoj. Laŭ la statuto la komisiono elektis inter si sub la gvido de la Ĉefkomitatano J. Tomíšek la gvidanton, la sekretariojn de la sekcioj kaj la redaktoron de la Terminara Kuriero (TeKu).

Reelektitaj estis: La gvidanto - Jan Niemann (unuanime), la sekretario de la Fake Aplika Sekcio - Ladislav Kovář (unuanime), la Sekretario de la Terminara Sekcio kaj la redaktoro de la Terminara Kuriero -Heinz Hoffmann (unuanime).

La Ĉefkomitatano en anstataŭo de la komitatanoj konfirmis la elektojn. La elekto validas por tri organizaj jaroj.

Poste, oni voĉlegis kaj pritraktis raporton de la sekretario de Fake Aplika Sekcio kaj priparolis fakan laboron en unuopaj landaj asocioj.

Bodo Ehrlich el Bremen informis pri la ricevitaj fakaj fervojtemaj gazetoj kaj ĵurnaloj el kelkaj landoj, eldonitaj de la fervojoj aŭ sindikatoj, por informi la publikon aŭ fervojistajn dungitojn. Ili estas ekspoziciitaj en Fervoja Fakultato ĉe la Teknika Universitato en Dresdeno.

La Sekretario de Terminara Sekcio Heinz Hoffmann raportis pri faka laboro de la sekcio dum interkongresa periodo kaj disdonis liston de 14 terminoj, kiujn TS-kunlaborantoj pripensu kaj pridiskutu dum la venonta kunveno, por ĝuste klasifiki ilin.

En plua parto de la kunveno oni traktis kelkajn fervojtemajn nociojn laŭ informoj en TeKu.

La ĝis nun ellaboritaj sencoplenaj difinoj estos enigataj en datumbankon. En la datumbanko la difinoj atendas tradukon en aliajn lingvojn, ankaŭ en Esperanton. Pri tio kaj aliaj novaj taskoj por la sekcioj oni diskutos dum la vendreda kunsido de la Faka Komisiono.

## 2, Jaŭda duontaga ekskurso al Moritzburg

***Ĵaŭde tagmeze amasiĝis grupo da ekskursemaj kongresanoj en la fervoja stacio Dresden Mitte, por kune veturi per trajno DB al la fervojstacio Radebeul Ost, kie komenciĝas unu el la sep ankoraŭ funkciantaj etŝpura fervojoj en Saksio.***

0kupinte lokojn en historia trajno kun vapora lokomotivo 99 1779-0 ni veturis tra bela arbarriĉa regiono, en malvasta valo kaj sur taluso laŭlonge de la lago ĝis la vilaĝo Moritzburg, kie ni eltrajniĝis kaj pormomente iris tra la vilaĝo al la restoracio Bärenhaus'.

Tie ni tagmangis, neĝenataj de kelkaj samtempaj majaj lokaj pluvoj. La vetero bonŝance post tagmanga paŭzo reboniĝis kaj ni, spektinte panoramon kun la impona kastelo kun kvar rondaj turoj sur insulo, promenante revenis al fervoja stacio, de kie ni trajne revenis al Radebeul Ost. Tie ni povis rigardi kaj foti ekspozicion de historiaj lokomotivoj kaj aliaj veturiloj, inter kiuj ne mankis eĉ pasaĝervagono de la 4-a klaso, sentegmenta "somera" pasaĝervagono kaj aliaj kuriozaj veturiloj, trafikantaj aŭ trafikintaj sur la linio Radebeul Ost-Radeburg, kun etŝpuro 750 mm.

*Jindřich Tomíšek*

## Suda- kaj Norda- Koreo ligitaj per reloj

Seulo(dpa). Sud- kaj Nordkoreo refunkciigis lastan sabaton (14.06.03) simbole la komunikiĝon fervojan, kiu ekde ĉirkaŭ duona jarcento, estis interrompita.

Ĉe ceremonioj en la okcidenta kaj orienta partoj de la senmilitarizita zono inter ambaŭ landoj, muntis teknikistoj, sub aplaŭdo de ĉirkaŭ 100 delegitoj, la relojn por la limtrapasantaj fervojlinioj.

Ambaŭ ŝtatoj ankoraŭ en tiu ĉi jaro volas refunkciigi la trafikon trans la limo, kiu ĉesis pro la Koreo-milito (1950-53). La (tielnomata) Gyeongeui-fervojlinio en la okcidento devos iam ligi Seulon (ĉefurbo de Suda Koreo) tra la nordkorea ĉefurbo Pjong-jango kun Shinuiju en la nordokcidenta parto de Norda Koreo.

Sed ankoraŭ ne povas trafiki trajnoj: Kvankam je la sudkorea flanko la pli granda parto de la linio-sekcio estas jam preta, la konstrulaboroj en Norda Koreo apenaŭ prosperis.

*Walter Ullmann (DE)*

# Invito al la45-a Internacia Fervojsta Esperanto-Skisemajno

- Ĝi okazos en ARGENTIERE, en la ripozdomo de Turisma Fervojista Asocio (A.T.C.), de la **17-a ĝis la 24-a de januaro 2004.**
- La vilaĝo situas en la supra parto de la mirinda Chamonix-a valo sub la famkonata blanka montopinto (Mont-Blanc). Ekzistas du grandaj skiterenoj je 300 metroj for de la ripozdomo. Por la longdistancaj skiantoj, atendas vin 60 km-oj da padoj, el kiuj kelkaj preterpasas la ripozdomon. La urbo Chamonix situas je 8 km-oj for de la ripozdomo.
- La stacidomo ARGENTIERE situas je 200 m-oj de la ripozdomo. Oni atingas la stacidomon per la fervoja linio Saint Gervais le Fayet / Vallorcine / Martigny (Svislando).
- Eblas rezervi dulitajn ĉambrojn.
- **Aliĝkotizo: 10 €** ĝis la 01/09/03 ; poste **20 €** sen garantio pri la loĝado.
- **Prezo** inkluzivanta tranoktadon, maten-kaj vesper- manĝojn por la tuta semajno : **219 €.**
- La aliĝfolion, bonvolu sendi al:
  **Peyrouty Hubert 6 Villa du progrès FR-94230 CACHAN (Francio)**
- La monon, bonvolu ĝiri al la Poŝtkonto: **5214-35-H** Centro de **Paris** je la nomo de **A.F.C.E.**

*******************************************************

**Aliĝo al la 45-a Internacia Fervojista Esperanto-Skisemajno**

Familia nomo : ............................. Persona nomo..............................

Adreso

Strato :.........................................................Numero........................

Poŝtkodo: ................................ Urbo..............................................

Lando: .................................................................................................

Mi deziras loĝi kun ...............................................................................

Mi pagas: Aliĝkotizo.......................................€

Restado ..........................................€

Mi pagas sume: ............................€

**Pri san- kaj skiant-asekuroj mi zorgas mem.**

Dato: ............................ Subskribo.............................................

# Henning Hauge
# 09.07.1935 – 07.08.2003

Tragika aŭtomobilakcidento finigis eksterordinaran Esperanto-vivon.

Survoje hejmen kune kun sia edzino Sabine **Henning Hauge** estis tuj mortigita pro aŭtomobila akcidento en la vespero de la 7a de aŭgusto 2003. La detaloj ne estas tute klaraj, sed ili ja ne ŝanĝos la kruelan fakton. Al Sabine feliĉe sufiĉis rompita brako kaj aliaj ne tro gravaj damaĝoj.

Skribinte "eksterordinaran Esperanto-vivon" ni menciu kelkajn el la meritoj de Henning Hauge.

Li lernis la lingvon en 1960 kaj rapide akiris gvidajn postenojn en DEFA, eĉ jam en 1966 li iĝis ties prezidanto, kiun postenon li plenumis dum 20 jaroj kaj ankaŭ poste oni vokis lin denove gvidi DEFAn. Vicprezidanto de Dana Esperanto-Asocio li ankaŭ estis dum periodo, kaj prezidanto de la Kultura Fako de la Libertempa Asocio de Danaj Fervojistoj dum 16 jaroj. Kiel ties reprezentanto en la ĝeneralaj asembleoj de FISAIC liaj kono de Esperanto kaj kontaktoj kun mez- kaj orienteŭropaj landoj grave helpis al pluraj iliaj aliĝoj al la organizaĵo. Lia senpretenda kaj senpropaganda utiligo de Esperanto helpis al ĝia akcepto multe pli ol paroladoj kaj mansvingoj.

En IFEF li jam de la komenco agis, ekzemple kiel dana delegito en pluraj kongresoj ekde 1967, kaj dufoje li eniris la statutkomisionon de IFEF. En 1974 li estis elektita kasisto de IFEF, kiun taskon li plenumis dum 28 jaroj, kaj post tio li estris la financojn de la kongreso en Dresden.

Kiel vicprezidanto de LKK de la 25a IFEF-kongreso kaj LKK-prezidanto de la 37a kaj jubilea 50a kongresoj li firme gvidis la preparojn al sukcesa disvolviĝo de la aranĝoj.

Honorojn li merite ricevis: ora medalo de FISAIC en 1996, honora membreco de FISAIC en 1998, honora membreco de IFEF en 2001, kaj en la dana fervojista libertempa organizo li trifoje ricevis medalojn.

Deĵore li atingis sufiĉe grandan postenon, kiu permesis al li fari pliajn servojn al la Esperanto-movado, kaj post sia emeritiĝo kaj translоĝiĝo al Norda Germanio li daŭrigis la agadon. Ni nur menciu teknikan redakton kaj presadon de la 11 Fervojfakaj Kajeroj de IFEF kaj de Dana Fervojisto. Ĉio kun valora helpo de Sabine.

Esperanto perdis fidelan kunlaboranton en momento, kiam li sentis, ke li rajtas ĝui anstataŭ ĉiam labori kaj servadi. Ni humile klinu niajn kapojn honore al la multaj meritoj de Henning Hauge.

eho

***IFEF-estraro kliniĝas al la memoro de sia grava amiko Henning Hauge kaj deziras sincerajn kondolencojn al liaj edzino Sabine kaj familio.***






## Ekde nun vi povas rilati al samideanoj dank'al la nova Ret-listo pri IFEF.

Pere de la TTT-paĝaro **www.ifef.net**, vi trovos la necesajn informojn por aboni la **retliston pri IFEF.**

La temo de tiu retlisto koncernas ĉion rilatantan al IFEF. Komence eblas uzi ĝin kaj por dissendi novaĵojn kaj por komuna interdiskutado. Se montriĝos, ke tro da mesaĝoj alvenas, aliajn retlistojn oni kreos listojn por diskutado, por nura dissendo de novaĵoj, por IFEF-anoj, por komitatanoj ktp.

La celo estas plifaciligi disvastigadon de informoj ne nur interne de la federacio mem, sed ankaŭ al ekstero. Tiel espereble pli multaj kaj pli fruktodonaj estos la interŝanĝoj inter ĉiuj interesiĝantoj pri IFEF.

Al tiu listo povas aliĝi iu ajn, membro aŭ nemembro de IFEF.

*La peranto de tiu listo*
*Laurent Vignaud*



***Fervoja Koresponda Servo***
S-ro Dan-Dragos ALDEA
Sos. Nicolai Titulescu 14, B1 21, Ap 69
RO-78152 Bucuresti
Retadreso: rodicatodor@xnet.ro
*Se vi deziras uzi la servon, bonvolu indiki viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)oj, kaj pri kiaj temoj ktp. Aldonu, se eble, internacian respondkuponon.*

INTERNACIA FERVOJISTO
55-a eldonjaro

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de **Internacia fervojista Esperanto-Federacio**

**Redaktoro: Jean Ripoche**
**6 rue des Platanes**
**FR-72230 Arnage - France**
**Tel/fakso + 33 (0)2 43 21 16 39**
**Retadreso:**
**Jeanripoche@wanadoo.fr**

**Prezidanto:** Romano Bolognesi
Via Misa 4
IT-40139 Bologna, Italio
Retadreso:
Lov0354@iperbole.bologna.it

**Vicprezidanto:** István Gulyás
Rákos u 98
HU-1155 Budapest, Hungario
Retadreso: kozsu13@freemail.hu

**Sekretario:** Marica Brletić
Peruanska 12
HR-10090 Zagreb
Retadreso: marica.brletic@hznet.hr

**Kasisto:** Laurent Vignaud
3 Allée du Haras, App 132
FR-49100 Angers
Tel: +33 (0)2 41 20 19 40
Retadreso:
Laurent.Vignaud@wanadoo.fr

**Franca poŝtĉekkonto:**
**Atentu:**
Ĉekoj aŭ ĝiroj al **"Laurent Vignaud"**
**9 293 74 Y NANTES**
(pagante per bankĝiroj el eksterlando, aldonu 2 eŭrojn pli por bankelspezoj)
IBAN:
FR3320041010110929374Y03237

**UEA-konto:** iffk-o

**Apermonatoj:**
Januaro, marto, majo, julio, Septembro, novembro.

**Redaktofino:**
Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato

**Presejo:**
Generaldirekcio de MAV
Andrássy út 73/75
HU-1062 Budapest, Hungario

**"www.ifef.net"**

ISSN 1397-4270

VIG 2003.021